# Ĉu Kongreso?




PROPAGANDA
SCIIGA - DISTRA - INSTRUA
OFICIALA ORGANO de
Argentina Esperanto - Ligo
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO
SARMIENTO 1614
BUENOS AIRES ARGENTINA R.

Jara Abono :
Ekstere 2 sv.f.
Enlande, $ 2.-
Spec. 1 resp.k.

JULIO-SEPT. 1942
No. 197-99

Jes, kongreso! Denove, post kelkaj monatoj alvenos grava okazo por nia landa movado: la Dua Argentina Kongreso de Esperanto, kiu, laŭ la decido de la unua jarkunveno de delegitoj de la Argentina Esperanto-Ligo, okazos en la ĉefurbo Buenos Aires, dum la sankta semajno, de la 22-a ĝis la 25-a de aprilo, de 1943.

Hodiaŭ la vortoj "landa kongreso" jam havas alian signifon ol antaŭ du jaroj, kiam ni faris la unuajn fortostreĉojn por kunigi la samideanaron en Rosario. Tiam estis ĉio nova, neniam antaŭe ni renkontiĝis grandnombre por priparoli niajn esperantistajn problemojn. Ni estis unu por alia preskaŭ fremduloj, ĉar ni konis nin nur laŭnome aŭ eble laŭ iu letero. Nun ni jam konas multaj samideanoj inter ni, ni renkontiĝis en Rosario, multaj pasintjare en Kordobo, kaj nun ni jam renkontiĝos kiel bonaj amikoj kaj malnovaj kunlaborantoj. Kaj tiuj kiuj la unuan fojon havos la okazon partopreni tian nian kunvenon, certe kun ĝojo surpriziĝos vidante la agrablan kaj amikan atmosferon kiu regas en nia rondo, kaj ke estas malfacile imagi pli samideanecan agordon inter personoj kiuj vidas sin nur de tempo al tempo.

Tiam niaj laboroj estis ankoraŭ necertaj kaj klopodis krei la bazon de nia landa movado. Nun ni estas konsciaj je nia valoro, ni estas organizitaj kaj fortaj laŭ la eblecoj nunaj, kaj niaj klopodoj direktiĝas al la pligrandigo de la esperantaj centroj kaj varbado de novaj adeptoj.

Tiun ĉi kongreson, tiun ĉi amikan kunvenon de ĉiuj esperantistoj de la lando, do, devas partopreni ĉiuj esperantistoj, novaj kaj malnovaj, junaj kaj maljunaj, de nordo kaj sudo, ĉiuj al kiuj liaj cirkonstancoj tion permesas. Kaj pro tio oni devas jam ek de nun komenci zorgi pri la ebleco de la realigo de tiu vojaĝo. Eble iu pensos ke estas ankoraŭ tro frue por pensi pri tio. Kaj mi certigos vin ke neniam estas tro frue. Se ni nun komencos ŝpari la dudek cendajn monerojn, kiam alvenos la kongreso, la kaso estos preta por elteni la elspezojn, kaj se ni ne eluzos nian libertempon en alia tempo, ni pli facile povos foresti de la hejmo tiujn kelkajn tagojn, kiuj poste estos nova kapitalo por ĉerpi energion por la poresperanta laboro.

La Loka Kongresa Komitato jam aktive laboras por la sukceso de tiu kongreso. Ĝi kunvenadas regule kaj pritraktas diversajn problemojn de la organizado kaj propagando. Pri tio vi baldaŭ ricevos detalajn informojn.

Por nun mi rekomendas al vi: decidu ĉeesti la duan kongreson, Buenos Aires atendas vin.

SEKELJ

...kaj ne forgesu: Ni estas nun en la centro de la urbo: Strato **SARMIENTO 1614**

# EKSTERLANDA MOVADO

NORTE AMERICA— Durante los días 2, 3 y 4 de Julio los esperantistas norteamericanos celebraron con singular éxito un nuevo congreso de Esperanto en la ciudad de Detroit, con asistencia de delegados de todos los estados del vasto país.

★ INGLATERRA — Desde la caída de Francia y Holanda, Inglaterra ha recogido la antorcha del Esperanto en Europa. Las nuevas modalidades impuestas por la guerra han dado un gran impulso a los cursos de Esperanto por correspondencia, que encuentran gran aceptación en todos los medios, incluso los militares. Durante una jira de propaganda dedicada a las escuelas, realizada desde el 15 de Julio al 29 de Agosto de este año, se pronunciaron conferencias ante 4.030 alumnos, 140 profesores y 110 estudiantes, vendiéndose 2550 ejemplares del manual "Esperanto for Beginners". Algunas de estas escuelas, como la Hemsworth Grammdr School, tienen ya el Esperanto en sus programas.

"La Educación después de la guerra" ("Educattion after the War") es el título de un proyecto publicado por el Consejo Central del N.V.W.T. en el cual se recomienda que en el tiempo de educación obligatoria se destine un período para todos los educandos durante el cual estos deberán hacer las siguientes experiencias: a) Vida en una comunidad fuera de la familia, y b) Viajes al exterioir. "Como los viajes al exterior harán necesaria una lengua internacional, se sugiere que debe enseñarse esta lengua internacional en la primera y segunda enseñanza".

La Radio oficial B. B. C. en su anuario "L'.B.C. Handbook 1942" publica un saludo de navidad en 21 idiomas, sobre los que se destaca, por su tamaño, el saludo en Esperanto: "Feliĉan Kristnaskon!". La B. B. C., irradia también comentarios en Esperanto.

SUECIA — En el mes de Julio se realizó el Congreso Sueco de Esperanto en la ciudad de Boras, con asistencia de 150 delegados.



La Esperanto-Asocio de Rosario inaŭguris kun granda sukceso, la 10-an de Junio 1942, Esperanto-kursojn por komencantoj kaj progresintoj, sub la gvido de la profesoro Wilfred M. Goodes. En tiu ĉi fotografaĵo estas parto da lernantoj. La kursoj daŭras plensukcese

# VOJAĜO TRA BRAZILO

de D-ro J. SCOLNIK

DUM la monatoj januaro kaj februaro 1942 mi entreprenis vojaĝon tra nia najbara lando Brazilo, kiu estas tri foje pli granda ol la Argentina Respubliko.

Mi vizitis antaŭe la akvofalojn de l' Iguazú, vera mirindaĵo de la Naturo, kies grandiozan spektaklon mi neniam forgesos.

Poste, mi enŝipiĝis en Puerto Aguirre. En Foz de Iguazú, unua brazila haveno, la aŭtoritatuloj petis niajn dokumentojn. Ni elŝipiĝis en Porto Mendes, kie malgranda vagonaro transportis nin al La Guayra. Tieĉi ni vizitis la kaskadojn Sete Quedas, tre belaj, sed ne tiel grandaj kaj imponaj kiel la akvofaloj de l'Iguazú.

Sur ŝipo mi daŭrigis mian vojaĝon laŭlonge la Rivero "Alto Paraná". Dum tri tagoj ni nur vidis la riveron, kiu mallarĝiĝas iom post iom; ties akvoj malhelaj turniĝas furioze.

Oni bone vidas la du bordojn, kovritajn de densa praarbaro. Inter aliaj kreskaĵoj mi ofte rimarkas "ambay" (elparolu: ambai), kaj "tacuara" (speco de granda kano).

Fine ni alvenis al haveno Presidente Epitacio, kie ni envagoniĝis.

Ni faris 30 horan vojaĝon ĝis ni alvenis al Sao Paulo. La vagonaro trairas la ŝtaton Sao Paulo laŭ ĝia tuta longeco. La pejzaĝo estas plaĉa: montoj, ne tro altaj, kaj pitoreskaj valoj, kovritaj de palmoj, bananujoj, kaf' kaj kotonarboj, k. t. p.

Tiu regiono estas loĝata de multaj eksterlandanoj: italoj, japanoj, hungaroj, germanoj.

Fine, ni alvenis al Sao Paulo, la dua brazila urbo laŭ ĝia loĝantaro, 1.200.000, kaj unua industria urbo de la tuta Latinameriko.

Sao Paulo ne estas tipa brazila urbo. Italoj kaj germanoj (kaj iliaj idoj) konsistigas la plejmulton de ĝia loĝantaro.

Mi pasigis plurajn tagojn en tiu grava urbo. Mi vizitis la muzeojn, ĉefe la Ipiranga-n, la Instituton Butantan kaj aliajn vidindaĵojn.

Postè, mi iris al Santos, kie mi pasigis tri ravajn tagojn en la marbordo. Guarujá, kiu kuŝas en insulo Santo Amaro, apud Santos, estas la plej bela marbordo de Sudameriko, laŭ mia opinio.

Mi ankaŭ iris al Pocos de Caldas (Ŝtato Minas Geraes), tre grava varmobanloko, kie alfluas ĉieaj malsanuloj.

Fine, mi iris al Rio de Janeiro.

Eble, nenion novan mi povos diri pri tiu urbo, kiu certe meritas la alnomon "Mireginda urbo". Mi tie pasigis 16 ĉarmajn tagojn, kaj eble ne vidis ĉiujn vidindaĵojn.

Kiel en kalejdoskopo, mi vidis la montojn Korkovado kaj Sukerpano, la golfeton Guanabara, la insulon Paquetá, la marbordojn, la Botanikan Ĝardenon, k.t.p.

Mi vojaĝis al Petrópolis per omnibuso, sur bonega ŝoseo, kaj ĝuis mireginдan tropikan pejzaĝon. Ankaŭ mi iris al Terezópolis, al Niceroy kaj ĝiaj marbordoj... Mi ne scias kio plej plaĉis al mi, ĉar ĉio estas belega, fantazieca.

Fine, mi ĉeestis la karnavalajn festojn en la stratoj kaj avenuoj. Mi ĉefe memoras la balojn dum dimanĉo la 15-a de februaro nokte, sur la Avenuo Rio Branco, kie amasego da personoj freneze dancadis laŭ melodioj disaŭdìtaj de laŭtigiloj.

Mi faris du vizitojn al la sidejo de Brazila Ligo Esperantista kaj Brazila Klubo "Esperanto". Mi tie konatiĝis kun la eminentaj samideanoj Alberto Couto Fernandes kaj Carlos Domingues kaj pluraj aliaj geesperantistoj, kiuj tre afable trtaktis min.

Mi faris tri publikparoladojn en la brazila ĉefurbo, en unu el kiuj, okazinta en la salonego de Spiritista Brazila Federacio, estis milo da aŭskultantoj. Mi estis prezentita al la publiko de mia eminenta amiko kaj samideano Ismael Gomes Braga.

Iun dimanĉon okazis tre agrabla ekskurso al Urba Parko (Parque da Cidade). Partoprenis fraŭlinoj Irani Baggi de Araujo, fratinoj Malheiro, D-ro Carlos Domingues kaj aliaj personoj kies nomojn mi ne memoras. Mi tie pasigis belan tagon meze de sorĉa Naturo kun plaĉa akompano.

Invitita de S-ro Ismael Gomes Braga, mi vizitis la stacion "Radio Nacional", kie ni ĉeestis lecionon pri gimnastiko de profesoro Osvaldo Diniz Magalhaes. Ankaŭ ni iris al "Radio Transmissora", kie Ismael Gomes Braga disaŭdigis lecionon pri Esperanto. Tiu ĉi samideano ankaŭ invitis min viziti la presejon de la Spiritista Federacio, kie multaj esperantaĵoj estas presitaj. Oni ĵus eldonis "La Vidvineto"n-, ĉarma romano kiun mi poste legis.

Kun bedaŭro mi forlasis la Mireginдan Urbon kaj direktis min suden. Mi vizitis Kuritiba-n, ĉefurbo de la Ŝtato

# "666" de HUGO WAST

Extraño libro que proyecta extraña penumbra sobre nuestro idioma, si bien es cierto que le presta innegable actualidad. Su asunto no hallará eco dilatado fuera del ltctor católico, que es para quien escribe el autor; su inspiración nace de las prediccioines finales del Apocalipsis, visiones proféticas de San Juan para la llegada del Anticristo y el Fin del Mundo. En el último cuarto de este siglo que ya vamos mediando, ubica el autor acontecimientos que bien pudiéramos alcanzar algunos de nosotros. Su tema: el drama de un sacerdote católico, cuyo orgullo le arrastra a la apostasía y sacrilegio para terminar sirviendo de 'Anticristo.

El Esperanto, ultrapasando nuestras habituales modestias será universal y exclusivo, con el Latín, desde 1960, "y adoptado por todas las naciones, que abolieron bajo severas penas los demás idiomas, contrarios al espíritu de unión que pregonaba la humanidad" (pág. 31). En 15 o más pasajes hay alusiones al Esperanto, pero está presentado con un espíritu inesperadamente indeseable. Como la Iglesia Romana persistirá con su tradicional liturgia latina, el Lattín encarnará el sentimiento religioso, y a modo de anítesis el Esperanto será vehículo de las mentes corrompidas de fin de siglo, fin de mundo, lengua que hablará el Anticristo, cuyo emblema es la cifra que sirve de títtulo.

Toda esta creación fantástica no fuera, naturalmente, motivo de mayor incomodidad nuestra, aunque el relativo verismo con que acomoda el autor hechos y personas a las sibilinas predicciones bíblicas pudieran impresionar a más de un ingenuo fervor, quedando obscuramente ligado en el subconsciente nuestra Cruzada Cultural con tenebrosas maquinaciones internacionales que, arrancando de tiempos pretéritos alcanzarán a socavar cimientos sociales y religiosos de hoy. Pero es el caso que se muestra al Esperanto como lenguaje dificultoso, universalmente empleado, tan solo porque es imposición de los gobiernos del mundo, dirigidos tal vez por ocultas directivas inconfesables de la masonería internacional, etc. Por ejemplo, hablando de un erudito y anciano religioso argentino, dice (pág. 7): que sólo hablaba Latín y Castellano "ya que nunca pudo ni quiso aprender Esperanto". En pág. 32, dice de las lenguas nacionales: "apenas las hablaban algunos viejos, incapaces de aprender el Esperanto". Poco más adelante, refiriéndose al Latín: "muchísimos católicos lo aprendieron por no usar el Esperanto, la legua que hablaría el Anticristo". En pág. 50 al referirse a nuestro sencillo lenguaje expresa: "cuyo penoso aprendizaje emprendieron todos".

No queremos salirnos de lo limitado por nuestro interés. El estilo del señor Martínez es conocido, fluído y agradable, aunque la excesiva fantasía de la obra presente deteriora sus pinturas de ambientes y temperamenos, mejor apreciadas en "La Casa de los Cuervos", "Desierto de Piedra", "Tierra de Jaguares", etc.

**J. A. Quiña González**

---

**ATENTU!** Vi kaj familianoj devas veni al nia Te Vespero. Okazos la 11-an de Oktobro en nia sidejo SARMIENTO 1614 je la 17-a hora.

*18-a de Oktobro Ekskurso de la esperantistoj al La Plata*

---

Paraná; Paranaguá, haveno ligita al Kuritiba per tre pitoreska fervojo. Mi ankaŭ vizitis Florianópolis, ĉefurbo de la ŝtato Sankta Katarino kaj Porto Alegre, ĉefurbo de Rio Grande do Sul.

Uruguayana estas la lasta brazila urbo kiun mi vidis. Poste mi trairis la riveron Uruguay kaj eniris en Paso de los Libres (Corrientes). Per fervojo mi iris al Concordia (Entre Rios), kie mi faris paroladon pri naturismo.

Trairinte la provincon Entre Rios per omnibuso ĝis Paraná, per pramo mi trapasis la samnoman riveregon kaj alvenis al Santa Fe. Fine, omnibuso transportis min al Córdoba, mia urbo, post foresto de du monatoj kaj duono.

# ARGENTINA ESPERANTO - MOVADO

BUENOS AIRES — La neatendita morto de s-no Santos, kiu loĝis en la sama domo kie nia Asocio estis, devigis nin tuj translokiĝi. Tiu subita serĉado de nova ejo, translokiĝo kaj reinstaliĝo en ejo malpligranda —ĉar ni serĉis ejon en la urbocentoro— tute absorbis nian tempon kaj la planita laboro estis flankenlasita dum Julio. Sed jam meze de Aŭgusto oni organizis inaŭguran festeton en la nova ejo kun plena sukceso.

Nova kurso por komencantoj okazas ĉiu sabate je la 18-a horo, ekde la 22-a de Aŭgusto, sub la gvidado de S-no Sekelj.

S-no Eugenio Iglesias daŭre gvidas sian kurson ĉiuĵaŭde, je la 20-a horo.

Viva Gazeto okazis la 29-an kun kontentiga sukceso.

Radio del Pueblo, LS 6, disradias novaĵojn pri Esperanto dank' al nia amiko s-ro J. O. Mariotti, kiu havas postenon tie.

★ La grupo de "vojaĝantoj tra la mondo" daŭrigas sian agrablan kaj sendanĝeran vojaĝon tra la restoracioj de diversaj landoj. En aŭgusto ili vespermanĝis en Jugoslavio, kaj la 7-an de septembro en "Surprizlando", kie ĉiu ĉeestanto alportis la plej strangan manĝaĵon kiun li konas. Estis granda sukceso.

★ La 13-an okazis te vespero kun kantoj, interesa konkurso k. marionetteatraĵoj, en kiuj sukcese debutis f-ino Iti Helfgot.

Certe la propagando por la "duobliga jaro" ne estis granda, tamen ĝi iom efikis... kaj s-no Goodes donas la ekzemplon... Kredeble komplote kun sia simpatia edzino ilivarbis al Esperanto novan etan samideaninon la 21-an de Julio. Kaj tute internacia idineto: patro angla, patrino sveda, enamiĝintaj en Romo, dum Internacia Kongreso de Esperanto, naskita en Argentino kakj portante belan francan nomon: Marianne!

Gratulojn!

—Kaj ankaŭ kelke da gratulojn ni rezervu por nia samideano Jorge Abraham kiu la 25-an de Julio edziĝis kun f-ino Angela Bitar, en Pergamino. Sed ni ne scias ĉu la verbon "Ami" ili konjugaciis esperante aŭ hispane.

★ ROSARIO — Sendube la Esperantomovado en Rosario gajnis dum tiu ĉi jaro. Se unuflanke, malmultiĝis la anonombro de la Asocio, aliflanke ili pli zorge kaj vigle laboras nun. Ĉu malmultiĝis la esperantistoj en al urbo? Tute ne. La movado akiris novan aspekton. Antaŭe oni kalkulis kiel ano preskaŭ ĉiujn lernantojn aŭ simpatianton, krom la aktivaj, hodiaŭ oni konsideras ano nur la kotizantojn, unuvorte, oni centrigis la laboremaj samideanoj, kaj dividis la taskojn laŭ la apartaj kapabloj inter la komitatanoj, tiel ili alportas veran utilon al la movado kaj la societanoj kaj simpatiantoj respondas pli efektive al iliaj taskoj. Estas citindaj la laboroj de nia meritplena prezidanto, W. M. Goodes, en sia fako instrua tute kiel en la du kursoj por komencantoj kaj por progresintoj, kiujn li gvidas, helpata de la ĵusformita tradukanto A. Palacios. Tiuj de nia senlaca Sekretario P. Martin, k. la nova kasisto Francisko Gomez, kiu anstataŭigis malnovajn sistemojn kaj metis en ordo la kotizojn interne kaj ekstere, nun li estas helpata de samideano R. Giudici, lerta lernanto de la pasinta jaro. Ankaŭ la samideano A. Mantica organizas lokan bibliotekon pere de donacoj kaj pruntitaj libroj kaj revuoj.

VINTRA PROGRAMO— Sukcese disvolviĝas la vintra programo. Ni jam havis la pasintan semajnon "Literumado"n, kiu konsistas el literumado de E. vortoj kaj traduko en la hispana lingvo sekve bona klarigado en Esperanto. La programo por la cetero de la vintraprintempa sezono, estas:

L. Badia: Septembro 23 — Paroladetoj en Esperanto: "Mia preferata okupo"

A. Palacios: Oktobro 21 — Amuza vespero.

F. Gomez: Novembro 25 — Paroladetoj en Esperanto: "Superstiĉoj"

H. G. Caloggero: Decembro 15—"Zamenhofa Tago".

★ La Unua Argentina Kongreso de Turismo ricevis de la Esperanto-Asocio de Rosario salutleteron kun informoj pri utileco de Esperanto en la internacia turismo. Samposte estis sendata pakaĵo de presaĵoj pri turismo en Esperanto.

A. MANTICA

★ TATAGAL (Salta) — Dum bankedo de la loka Rotary Club, okazinta la 27-an



# BIBLIOGRAFIO

JARLIBRO de INTERNACIA ESPERANTO LIGO. Unua Parto. 1942. Heronsgate. Rickmansworth. Anglujo.

Malgraŭ la perdo de I.E.L.-teritorioj kaŭze de la ĉiam ampleksiĝanta milito, la Jarlibro akurate aperadas en du partoj. Notinda estas la fakto, ke dank' al daŭra kaj eĉ kreskanta subteno de la brita esperantistaro kaj ekstremaj ekonomioj, la Ligo sukcesis ankoraŭ havi jaron sendeficitan kaj forigi parton de la ŝuldoj. Krom la kutima adresaro, la nuna eldono enhavas la Statuton de I.E.L., la Generala Regularon, kaj la Kongresan Regularon. La Jarlibro estas havebla nur por membriĝo.

● Tri apartaj folioj kun nova projekto por raciigi la anglan ortografion estis ricevitaj. Ni "recenzas" ilin ĉar unu el tiuj folioj havas tradukon de reformita angla teksto en Esperanton. Kredeble perdiĝis kvara folio kun klarigo pri la tuta afero. Alie ni ne komprenas kial enmiksis Esperanton kun tiaj projektoj pure naciaj| Tio signifas malhelpi ambaŭ movadojn. Kaj fine, ĉu ĝuste la esperantistoj devas peni por plibonigi la naciajn lingvojn?

● LA VIDVINETO, romano de J. Alencar. El la portugala lingvo tradukis L. C. Porto Carreiro Neto, lingva komitatano. Eld. "Brasila Ligo Esperantista" 1942. Prezo:

Junulo, kiu perdinte riĉan patron, diboĉe perdis ankoraŭ lian fortunon, enamiĝas je ĉasta junulino. Eksciinte pri sia vera financa situacio li ŝajnigas memmortigon, malaperas, kaj post longa penado refaras sian havajon kaj denove konkeras knabinon, kiu vidvinece atendas lin.

Jen temo por klasika 1860-a romano, kun tute konvenciaj karakterojn kaj de la komenco antaŭvidebla fino. Sed eble pro tio mem la libro povas trovi ŝaton ĉe multaj legantoj kaj ĉefe legantinoj, kaj kompreneble, precipe ĉe la samlandanoj de la romanherooj kaj de la fama aŭtoro. Krom tio, estas interesaj kelkaj rimarkoj pri la brazila medio en tiu epoko kaj la aristokrataj antaŭjuĝoj ĉe simplaj burĝoj, kiuj aperas tute naturaj en la romano. Ĉe la fino de la libro troviĝas plano de la urbo, kiu montras la lokojn, kie la okazintajoj disvolviĝas. La traduko estas tre bona.

● "Co-operation with South America". Anglalingva broŝuro kun parolado farita de la brazila delegito al Labor-Konferenco en Usono. A. H. dos Santos Correa, en kiu li pledas por Esperanto, kiel interamerika helplingvo..

Eldonis: Educattional Department: 3 West 16 st. N.Y.C.



de Aŭgusto, nia s-no D-ro J. Miguel Reyes, faris sukcesplenan paroladon pri la temo: "Ĉu Panamerikanismo bezonas helpan lingvon"?, dum kiu li pledis por Esperanto kun plena aprobo de la ĉeestantaro.

★ MAR DEL PLATA — S-no Luis Ramon gvidas kurson en Ca a del Pueblo kaj ni esperas ke baldaŭ li fondos espetantan rondon en Mar del Plata. Imitinda ekzemplo.

## Diccionario de Esperanto

Desde hace algunos meses se han agotado todas las ediciones de diccionarios Esperanto-Español y Español-Esperanto. También se han agotado los manuales de Caplliure y Anglada Prior que contenían vocabularios.

La guerra civil en España primero, y luego el actual conflicto han impedido hasta ahora la edición del nuevo diccionario completo, cuyos manuscriptos esperan sólo una oportunidad favorable para darse a la prensa.

Mientras tanto queremos recordar a nuestros alumnos, que numerosos esperantistas en Buenos Aires usan el nuevo y excelente "Diccionario Esperanto-Porttugués" con mucho provecho y sin mayores dificultades, debido a la extraordinaria semejanza entre el Español y el Portugués. Este diccionario, del que hay cierta cantidad en la As. Esperantista de Bs. Aires, puede ser adquirido por $ 1.50 el ejemplar.

Si ésta no es una solución ideal, por lo menos ha de contribuir a que nuestros nuevos samideanos sigan progresando mientras llega nuestro nuevo diccionario.

## La "Duobliga" jaro devigas vin:

*1-e Varbi novan esperantiston*

*2-e Fondi novan grupon.*

*3-e Pagi akurate vian kotizon*

Post la plenumo de tiu laboro dormu trankvile... ĝis la Kongreso.

## Celedonio Santos Fontán

Naskiĝinte antaŭ kvardek ok jaroj en marborda vilaĝo el norda Hispanio, k-do Santos venis Argentinon tre juna. Li ne riĉiĝis en Ameriko; li eĉ ne penis pri tio. Idealista laboristo kaj laboranto por idealoj, li partoprenis progrese majn movadojn jam de sia frua juneco. Tial li aliĝis ankaŭ al Esperanto en la jaro 1915. La lingvon li lernis en kurso organizita de la en tiu epoko tre aktiva laborista grupo "Liberiga Stelo", kaj de tiam li restis neŝanceleble fidela al nia movado.

Sekve oni eble atendus liston de ĉiuj kursoj, paroladoj, artikoloj gviditaj aŭ faritaj de nia samideano, sed Santos neniam faris ion tian; neniam li eĉ okupis gvidan postenon en la movado. Nia bona amiko estis vivanta ekzemplo de tio, ke oni ne bezonas posedi grandan intelektan kapablon por fari grandajn servojn al la movado. Santos estis laboranto serioza, inteligenta kaj persistema je celo pri kiu oni estas ĝis oste konvinkita. Kaj tiu lia longjara persistema laborado donis al li tre interersan privilegion: li konis "ĉiujn" esperantistojn en la lando. Fakte li estis ia vivanta registro de nia movado. Kiam oni deziris scii ĉu en iu urbeto iam ekzistis iu samideano aŭ lernanto, oni tute ne trafoliumis malnovajn adresojn, sed oni simple konsultis s-non Santos; liaj respondoj estis ĉiam ĝustaj. Kaj se ni diris ke li neniam okupis gvidan postenon en la movado, oni devas tamen scii, ke neniam estis io entreprenita ne konsultante lian opinion, kaj eĉ se oni ion iam faris kontraŭ lia bontrovo, oni ĉiam estis certe ke oni povis certe kalkuli kun lia helpo en la plenumado de laboroj.



S-no Celedonio Santos Fontán mortis la 15 de Julio 1942

Lia oficiala posteno en nia Asocio estis tiu de bibliotekisto, tamen krom tiu tasko, li sola faris naŭdek procenton de la ofte tedaj laboroj de koresponda kurso.

Fariĝinte membro de Sennacieca Asocio Tutmonda preskaŭ de ĝia fondiĝo, Santos estis ĝia peranto en Argentino dum la lastaj jaroj.

Ni penis ĉi tie en kelkaj linioj prezenti bildon pri la personeco de nia malaperinta kamarado. K-do Barrot, lia instruisto de Esperanto, diris pri li kortuŝajn vortojn en kunveno de nia Asocio. El multaj lokoj de la lando venis kondolencaj leteroj al ni, liaj plej proksimaj amikoj. Tamen restas plenumenda la plej malfacila tasko: okupi lian vakantan postenon. Kaj tiu estos la plej efektiva el ĉiuj honorigoj. — G. H.



La 16-an de Aŭgusto, post longa malsano, forpasis la edzino de nia malnova samideano Julio Ferman. Al li kaj ceteraj familianoj ni sendas la esprimon de niaj sinceraj kondolencoj.

★ Dum Junio ankaŭ forpasis la patrino de nia juna samideano Floreal Villar, vic-sekretario de Esperanto-Asocio de Bs. Aires. Sinceran kunsenton!

## Pri "Ekskurso al Nahuel-Huapí"

(Vidu N-ron Majo-Junio)

Sendube estas nia redaktista devo ion rakonti pri la sekvoj de tiu iom rebusa titolo al antaŭa artikolo de D-ro Scolnik, kiu kredeble edvus esti "Vojaĝo al Iguazú". Memkompreneble kaj sekve de tio, ni ricevis amason da leteroj el ĉiuj anguloj de la lando. Kelkaj personaj demandoj kial oni ne publikigis en la sama paĝo la bazojn de la Konkurso aŭ ĉu ni simple aperigos la solvon en la venonta n-ro. Aliaj, pli praktikaj, malavare sendis al ni landkartojn kaj geografiajn librojn (entute 34 el ili). Ni eĉ ricevis tri poŝkompasojn kaj unu sekstanton (iom difektita).

Aliaj ankoraŭ —kaj tiuj apartenas al la malĝentila speco— konsilis al ni denove viziti la elementan lernejon, ktp.

Kaj fine, la aŭtoro de la koncerna artikolo (ĉar li ankaŭ rajtas ion diri) sugestis ke tiun ĉi verkajon ni titolu "Vojaĝo al Groenlando" aŭ io simila, sed verdire ni ne kuraĝis sekvi lian konsilon ĉar eĉ sen tio la internacia politiko estas sufiĉe konfuza.

Do, ni prefere lasu la aferon tia, kia ĝi estas. Sed ni profitu la okazon por denove konfesi nian profundan kredon je la ekzisto de la presejaj koboldoj.

**Geĉjo**

# KORESPONDADO

S-no Dionisio RUIZ komunikas al ĉiuj siaj amikoj ke post 25 j. li transloĝiĝis de strato Venezuela 2900 al nuna adreso strato Marcos Sastre 3312. Buenos Aires

★ D-ro J. Miguel Reyes — Tartagal (Salta). Deziras korespond. kun gesamideanoj el ĉiuj landoj, pri literaturo kaj esperanta lingvo. Nepre respondas. (Argentina Respubliko).

Frato Bruno Ostropolsky, seminaristo, deziras korespondadon. Seminario Metropolitano, Str. José Cubas 3543. Buenos Aires.

La ĉefdelegito de Universala Esperanto Asocio, la tradicia asocio de ĉiuj samideanoj, fondita en Svisio en 1908. Donas informojn kaj ricevas kotizojn. Callao 1971. Daniel Quarello, (ĉiutage) Buenos Aires.

S-ro Cheng Yang Shun, No. 58 Shang Li Yang Street, Tunki, South Anhwei Province, China. Deziras koresp. kun gesamideanoj tra la tutmondo, pri literaturo k. lingvoj, k. interŝanĝi pm. kaj fotojn. Nepre respondas.

S-no Luis Vicino, str. Castro Barros 1015. Buenos Aires. Deziras interŝangi PM. k. PI. kun ĉiuj landoj.